// O BRASIL ESPERANTISTA

ORGÃO OFICIAL DA "LIGA ESPERANTISTA BRASILEIRA" — Sociedade de utilidade pública.
NOVA FASE DO "BRAZILA ESPERANTISTO"

Número 73-75 (358-360) — Janeiro-março 1944

Redator responsável: Dr. Carlos Domingues

Administração e redação: Praça da República, 54-sob. Telefone, 42-4357 Rio de Janeiro. Brasil.

Gratuito para os sócios da Liga. Eksterlande: Unu dolaro aŭ 15 respondkuponoj.

# Deka Brazila Kongreso de Esperanto

## Rio de Janeiro - Aprilo 1945

La trian de februaro, ĉe la salono de la Nacia Konsilantaro de Geografio, sub la prezido de S-ro Ambasadoro José Carlos de Macedo Soares, prezidanto de la Organiza Komitato de la 10a Brazila Kongreso de Esperanto, okazis la kuna kunsido de la membroj de la Organiza Komitato kaj de la Sub-Komitatoj, kiuj estis tiam konsiderataj ekposedintaj en siaj oficoj.



Grupo fotografita dum la unua kuna kunsido de la Organiza Komitato kaj de la Subkomitatoj, sub la prezido de Ambasadoro José Carlos de Macedo Soares.
(*Fot. de "Folha Carioca"*)

Laŭ peto de S-ro A. Couto Fernandes, prezidanto de "Brazila Ligo Esperantista," kiu ĉeestis la kunsidon, S-ro Ismael Gomes Braga, ĝenerala sekretario de la O. K., legis la unuan cirkuleron, jam aprobitan de la Ligo kaj de la prezidanto de la O. K. kaj sendotan al ĉiuj brazilaj esperantistoj kaj simpatiantoj al Esperanto kaj ankaŭ al eksterlandaj societoj kaj esperantistoj. Li ankaŭ disdonis ĝiajn kopiojn al la ĉeestantoj.

S-ino Ana Amélia de Queiroz Carneiro de Mendonça, dua vicprez., proponis, ke, ĉar Esperanto estas internacia helplingvo, oni ĝin akceptu kiel ilon por diskonigi internacian konkurson de plano por la rekonstruo de l' mondo post la milito. S-ro Ismael Braga, aplaŭdante la ideon, klarigis, ke jam ekzistas tri planoj pri tiu rekonstruo, el kiuj du estas neŭtralaj, unu en Usono kaj alia en Anglujo. Tial li proponis, ke estus pli konvene, ke la O.K. interrilatiĝu kun la aŭtoro de unu el la du planoj, kiu oferos pli bonan praktikan efikecon. La ĉeestantaro decidis, ke oni prokrastu la diskutadon de tiu afero ĝis la diskutado de la Regularo de l' Kongreso.

S-ro Diderot Freitas, prez. de la Sub-komitato por Gazetaro kaj Propagando, montris la konvenecon klopodi por krei Esperantan Fakon en la plej gravaj gazetoj en Brazilo. Post diskutado, en kiu partoprenis S-roj A. Couto Fernandes kaj Mário Ritter Nunes, oni decidis, ke, anstataŭ tiu Fako legota nur de esperantistoj, la Sub-komitato klopodu kun unu el la membroj de iliaj redakcioj por la akcepto kaj publikigo de notoj pri la Kongreso.

Fermante la kunsidon S-ro Ambasadoro deklaris, ke en la monato aprilo, en tago oportune fiksata okazos la dua kunsido de la Komitato.

La Organiza Komitato jam dissendis la Unuan Cirkuleron al pli ol du mil esperantistoj aŭ simpatiantoj al Esperanto kaj ankaŭ al multaj asocioj kaj entreprenoj. Jam aliĝis al la 10a Kongreso la BRAZILA INSTITUTO DE GEOGRAFIO KAJ STATISTIKO.

Preskaŭ ĉiuj gravaj gazetoj aperantaj en Rio de Janeiro aperigis notojn pri Esperanto, precipe pri la 10a Brazila Kongreso. Jen la nomoj de kelke da ili: "Jornal do Comércio", "Jornal do Brasil", "Correio da Manhã", "Diário de Notícias", "Folha Carioca", "O Globo", "A Noite", "A Vanguarda", "A Tarde", kaj "A Tribuna". Aperigis fotografaĵojn de la unua kunsido de la O.K. la jenaj gazetoj: "Folha Carioca", "O Globo", "A Vanguarda" kaj "A Noite". "A Vanguarda" publikigis la tutan cirkuleron. La stacioj de "Rádio Vera Cruz" kaj "Rádio Transmissora" disradiis informojn pri la Deka.

## Universa mistero

Ĉu vi la raŭpon vidas, malfacile
Treniĝantan sur tero?
Kiel preme ĝi vivas kaj humile!
— Kia ties mistero?

Ĉu ne plaĉas al vi milda koloro
De la freŝa vinbero?
Ĝia dolĉeco, ĝia bonodoro?
— Kia ties mistero?

Ĉu vin ne ravas flugo de kolibro,
Tremanta en l' aero —
Mirakla ĉielark' en ĉiu vibro?
— Kia ties mistero?

Ĉu la ŝaŭman torenton vi ne miras
De bolanta rivero?
Kian sovaĝan povon ĝi elspiras!
— Kia ties mistero?

Ĉu vi la propran memon ne rigardas
— Homo, viva fajrero —,
Kie flamas pasioj, virtoj ardas?
— Kia via mistero?

Rigardu supren, Homo! Vin ne tuŝas
Lumo super la Tero?
Trans la Senfin' mistera Fonto kuŝas:
De ĉio — la Mistero!

Febr. 1944.

*Porto Carreiro Neto*

---

### ROOSEVELT SERĈAS LINGVON

La 11an de Novembro 1940a diris Prezidanto Roosevelt, okaze de la Jubileo de l' Milita Instituto de Virginio:

"La mondo bezonas novan, pli bonan pacon, — Pacon kiu dev'gos la homojn formeti la armilajn uzitajn por disigi ilin. Ĝi ankaŭ devos rezigni la sencelajn ambiciojn kiuj kaŭzis timon — la ambiciojn servantajn al nia utila celo. NI SERĈAS LINGVON, PER KIU LA NAJBARO POVOS PAROLI AL LA NAJBARO, PER KIU HOMOJ POVOS PAROLI AL HOMOJ, kaj per kiu la ĝeneralaj homaj instinktoj, ĉie trovataj, povos trovi esprimon por forpreno de la timo".

Prezidanto Roosevelt serĉas lingvon, per kiu la najbaro povos paroli al la najbaro, per kiu homoj povos paroli al homoj! Bonege! Tia lingvo ekzistas: ĝi nomiĝas Esperanto.

Estas evidente ke Roosevelt celis per siaj vortoj ne iun difinitan lingvon, sed la homan parolon mem, la parolon de l' koro kaj kompreno. Eĉ tio estas Esperanto en la plej alta grado.

Lernigu Esperanton al la tuta mondo, — kaj la teknikan, la nur-lingvan komprenon baldaŭ sekvos tute certe ankaŭ pli bona kompreno per la sprito kaj per la koro!

*El la "ESPERANTO INTERNACIA" — Numero de januaro 1940a).*

## Esperanto

Paul Fort, Príncipe dos Poetas Franceses, escreveu especialmente para o XXIV Congresso Universal de Esperanto, reunido em Paris, de 30 de Julho a 6 de Agosto de 1932, a seguinte balada:

Puisque rien n'a pu réussir
à fonder la Paix en ce monde
et n'aura su Nous "réunir"
que l'ESPERANTO vous seconde,

ô gens de bonne volonté
rêvant d'un pôle à l'autre pôle
de se hausser au plus grand rôle
avec ferveur et majesté!

Voici donc la Ruche promise,
non la Babel que guette un dieu
pour en jeter bas les assises,
mais dréssée, illustre, en ce lieu,

une Ruche où bourdonne un chœur
d'abeilles? point! de vrais Apôtres,
et ce chœur n'ayant qu'un seul cœur
chante: "Aimez-vous les uns les autres"

en un langage alerte et dru,
musical, charmant bien l'oreille
(à peu que je m'en emerveille
comme des mots dits par Jésus).

— Tour de Babel? non! Tour d'Amour
et Phare de l'humanité
qui veut éclairer tour à tour
les gens de bonne volonté

qui seront cent-mille bientôt,
deux-cent mille et, plus outre encore,
des millions acclamant l'aurore
de la Paix, grâce, en l'air sonore,

aux vertus de l'ESPERANTO!

*(El "La Movado")*

---

Baldaŭ reaperos

**"KARLO"**

---

### Sr. M. BENES E O ESPERANTO

O Sr. M. Benes, quando Ministro do Exterior da Tcheco-eslováquia, assim se exprimiu: "A idéia de uma língua de intercompreensão, tal como o Esperanto, é preciosa para todos os pacifistas sinceros. Hoje não é mais uma utopia e sim um problema pelo qual trabalham homens entre os mais eminentes de todo o mundo. Ficai certos de que em qualquer ocasião sustentarei a idéia da língua auxiliar Esperanto."

---

### 10.º CONGRESSO BRASILEIRO DE ESPERANTO

Empossada e instalada, que está, a Comissão Organizadora do 10.º Congresso Brasileiro de Esperanto, a reùnir-se nesta Capital no ano vindouro, tudo indica, desde já, o amplo e seguro êxito que obterá o mesmo certame, para a efetuação do qual se congregam, na aludida comissão, elementos individuais cuja aptidão e boa vontade garantem a consecução do objeto colimado.

Dá-se, ainda, que o dito Congresso, cuja "utilidade" é visível e indisfarçável, como a dos nove anteriores que se realizaram no Brasil, tem agora, a militar em seu favor, a "oportunidade", com a paz universal que todos sentimos que se aproxima, e pedimos a Deus que conceda sem detença ao mundo.

Zamenhof, o genial criador do Esperanto, era um glotólogo de marca.

E era, por igual, um convicto pacifista, para o que de certo concorria, em parte, à circunstância de ver, polonês que era, a sua nobre pátria talada e repartida pela ambição de outros povos.

Assim, e compreendendo bem como o quanto uma língua universal poderia servir para melhor entendimento entre homens e raças, e, pois, como instrumento de concórdia no seio da humanidade, ideou o Esperanto como "língua auxiliar".

Esta vantagem, — a de ser êle uma "língua segunda", isto é, de não afastar os idiomas falados pelas nações que assim a aceitarem, — é uma da maiores, em meio ás muitas que o Esperanto oferta, pois que não ofende aos sentimentos patriótico de ninguém.

E ainda não atinge aos melindres dêsse gênero, porque, não sendo a língua oficial de nenhum povo, pode muito bem ser "mais" uma língua para todos.

O Esperanto não tem inimigos, porque não há quem não lhe reconheça as superiores qualidades filológicas.

Tem apenas alguns adversários, por motivos de interêsse racial ou nacionalista.

Mas êstes, contra o Esperanto, alegam apenas uma razão que, aliás lhe é... favorável: a de ser um idioma artificial.

E favorável lhe é a condição de artificial, porque, não sendo feita arbitràriamente, pelas massas, não é, como as outras línguas, sujeita a modificações, e é facílima de aprender, pois conta apenas "dezesseis" regras "invariáveis", e "sem nenhuma exceção", de estabilidade fiscalizada e garantida por um órgão internacional. — D. B. — **Domingos Barbosa.**

**(Do "Jornal do Brasil").**

# DEKA BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO

## Rio de Janeiro - Aprilo 1945



Membroj de la Organiza Komitato de la 10.ª Brazila Kongreso de Esperanto, nome: D-ro Mário Ritter Nunes, S-ro Délio Pereira de Souza, S-ino Ana de Q. Carneiro de Mendonça, Inĝ. A. Couto Fernandes, prez. de BLE, Ambasadoro José Carlos de Macedo Soares, F-ino Maria do Amaral Malheiro, F-ino Maria da Luz Costa, D-ro Carlos Domingues kaj S-ro Ismael Gomes Braga. Ne ĉeestis la fotografaĵon Profesoro Lourenço Filho kaj F-ino Irani Baggi de Araújo.

(*Fot. de Agência Brasileira*)

Rio de Janeiro, la 3an de februaro 1944a.

Estimata Samideano,

Pli ol sep jaroj jam forpasis de kiam efektiviĝis la Naŭa Brazila Kongreso de Esperanto.

Brazila Ligo Esperantista sentadis urĝan bezonon kunvoki niajn Samideanojn por priparoli urĝajn temojn de organizado, por pli efika utiligo de novaj disaj energioj aperantaj ĉie tra la tuta lando.

Malgraŭ la mondmilito, la Esperanto-Movado ne ĉesis. Vere, tiu movado reprezentas altan idealon kaj urĝan neceson de la homa speco, kaj tial ĝi ŝvebas multe pli alte ol la momentaj situacioj de la internacia politiko.

Parte malfaciligataj, parte interrompitaj la interrilatoj kun la Malnova Kontinento, ni tamen povas kaj devas plivigligi la propagandon interamerikan.

Aliflanke, la agoj de la Brazila Registaro, kiuj celas la renovigon de la enlanda edukado, montras al la Esperantistoj la vojon sekvotan: la enkondukon de Esperanto en la oficialajn programojn de instruado.

Nia Ligo jam ne povas prokrasti la kunvokon de la Deka, kaj tial ni venas al vi, Estimata Samideano, petante viajn konsilojn kaj apogon por la efektivigo de nia Deka Kongreso en Rio de Janeiro, en aprilo 1945a.

Ni kunsendas al vi kelkajn aliĝilojn por la Kongreso kaj por B.L.E., ĉar unu el la servoj, kiujn ni atendas de vi por la triumfo de la Kongreso estas ke vi bonvoleme akiru por nia Ligo kaj por la Kongreso la aliĝojn de viaj amikoj esperantistaj aŭ simpatiantaj kun la Esperanta idealo, kiuj povos helpi nin per siaj ideoj, konsiloj, sugestioj kaj morala apogo al loka propagando.

Ni petas do al vi, Estimata Samideano, ke vi jam de nun bonvole donu al ni vian altvaloran kunlaboradon por la sukceso de la Deka, kaj deziranțe al viaj laboroj la plej brilan sukceson ni estas.

Altestime viaj

La Organiza Komitato:

*José Carlos de Macedo Soares*, Prezidanto.
*Lourenço Filho*, Unua Vicprezidanto.
*Ana Amélia de Queiroz Carneiro de Mendonça*, Dua Vicprezidanto.
*Carlos Domingues*, Tria Vicprezidanto.
*Ismael Gomes Braga*, Ĝenerala sekretario.
*Mário Ritter Nunes*, Unua Sekretario.
*Maria Amaral Malheiro*, Dua Sekretario.
*Maria da Luz Costa*, Tria Sekretario.
*Délio Pereira de Sousa*, Kasisto.
*Irani Baggi de Araújo*, Helpkasisto.

## *BRAZILA POŜTO*

*La prezidanto de B.L.E. eksciinte, ke kelkaj aleksterlandaj korespondaĵoj en Esperanto estis resendataj al la adresintoj, sin turnis al S-ro Majoro Landry Sales Gonçalves, Ĝenerala Direktoro de la Departemento de Poŝto kaj Telegrafo, kun la peto, ke tiuj korespondaĵoj estu cenzurataj, same kiel okazas kun tiuj skribitaj en kelkaj naciaj lingvoj. S-ro Couto Fernandes transdonis al la Direktoro leteron de S-ro Ambasadoro Macedo Soares, per kiu li prezentas al lia aprobo la nomon de D-ro Mário Ritter Nunes por esti nomata cenzuristo de la korespondaĵoj trapasantaj la Brazilan Ĉefurbon. S-ro Majoro Landry Sales ĝentile decidis favore tiujn petojn.*

*Tamen restis nesolvita la afero pri la korespondaĵoj netrapasantaj nian Ĉefurbon. Sed dank' al la favoraj informoj de D-ro Manoel Gaspar, Ĉefo da la Brazila Poŝta Cenzuro kaj de D-ro Joaquim Viana, Ĉefo de la loka cenzuro, S-ro Direktoro decidis definitive la aferon ordonante, ke tiuj korespondaĵoj venu al Rio de Janeiro por esti cenzurataj.*

*Estas do nia devo prezenti al S-ro Ĝenerala Direktoro kaj al tiuj poŝtaj Ĉefoj la koran dankon de Brazila Ligo Esperantista kaj de la Brazila Instituto de Geografio kaj Statistiko pro iliaj valoraj servoj al la propagando de Esperanto.*

---

## Kristo

(El la verslibro "Bosque Sagrado" — Sankta Arbareto, de Leal de Souza.)

Ekflugis mia penso for de l' tero,
tra sonĝ' kaj nuboj; nun al mia vido
ĉe l' sun' aperas Krist' kiel fluido
ŝvebanta tra l' bluruĝo de l' vespero.

En mikso de aflikto kaj espero
vid' Lia pasas de l' ĉiel', kun fido,
al kampoj, montoj, val', kaj kun bril-
[-gvido
al kampoj, montoj, val', kaj kun
malfermas tabernaklojn de l' etero.

Glav-boras Lian koron la doloraj
malnovaj kaj l' amaraj novaj krioj,
nun kunvokitaj el distancoj foraj.

Kaj Liaj puraj manoj al nacioj
pasintaj donas pardonon, amploraj,
kaj benon al la nov-gereracioj.

Esperantigis F. V. Lorenz.

## La perfido de Lilio

Monologo por Juna Knabino de Louise Briggs

(*Ŝi eniras malkviete, kolere demetas la ĉapelon, kaj ĝin ĵetas sur tablon*).

Lilio Braun estas malbona knabino, malafabla, abomena — mi malamas ŝin! Ĝis hodiaŭ ŝi estis mia plej kara amikino; nun mi volas neniam vidi ŝin. Kial do? Nu, mi rakontos al vi ĉion.

Morgaŭ Lilio devos foriri al lernejo, kaj pro tio mi estis tre malĝoja. Hodiaŭ matene, mi iris al ŝia domo, kaj diris: "Venu, por pasigi kun mi la lastan tagon." Ŝi diris: "Mi ne povas; mi estas tuj forironta al la urbo kun mia fratino." Mi diris: "Bone! mi iros kun vi. Ŝi ruĝiĝis kaj hezitis; fine ŝi diris: "Pardonu min! Ne estas oportune, ke vi akompanu min!" "Kial do?" — mi mire demandis. Ŝi balbute respondis: "Mi ne povas diri. Estas sekreto."

Tiam mi estis tre kolera. "Mi neniam tenis sekreton for de vi" — mi ekkriis. Ŝi diris: "Ne koleriĝu, mia kara! Venu por tagmanĝi kun mi je la kvara, kaj mi klarigos ĉion." Mi respondis: "Mi ne deziras akompani vin! Mi ne deziras klarigon! Mi ne deziras tagmanĝi kun vi!" Kaj mi forlasis ŝin. Ho! ŝi estas malbona knabinaĉo!

Sed mi repagos ŝin. Mi jam intencis donaci al ŝi belan braceleton, kiun mi vidis ĉe la juvelisto. Ho! ĝi ja estas bela, kaj mi forte deziris ĝin por mi mem. Sed mi pensis: "Mi donacos ĝin al Lilio, kiam ŝi foriros." Mi ankoraŭ ne havis sufiĉe da mono, sed morgaŭ mi tion havos, kaj mi aĉetos — jes! mi ja aĉetos ĝin — sed por mi mem, ne por Lilio. Neniam, neniam, neniam plu mi parolos al ŝi!

Kaj tamen ni ĉiam estis tiel bonaj amikinoj! (*Ekploras.*)

(*Oni sonorigas. Ŝi kuras al la fenestro.*)

Jen la poŝtisto!

(*Ŝi eliras tra la pordo, kaj tuj revenas kun pakaĵo.*)

Jen pakaĵo por mi! Kio ĝi povas esti? (*Ŝi malfermas la pakaĵon kaj montras braceleton kaj leteron.*)

Ho! tiu sama bela braceleto! Sed kiu do ĝin sendis?

(*Legante la leteron.*) "Mia kara Nano. — Akceptu tiun ĉi malgrandan donacon kun sincera amo de via amikino. Mi scias, ke vi ŝatos ĝin, ĉar mi vidis, kiel vi admiris ĝin en la montra fenestro ĉe la juvelisto. Nun vi jam scias, kial mi ne deziris, ke vi akompanu min al la urbo. Kaj vi venos por tagmaĝi hodiaŭ, ĉu ne?"

Ho, karega Lilio! Ho, la bela braceleto! Kaj ho, kia malaminda knabinaĉo estas mi!

(*Falas la kurteno*).

## LIGA ESPERANTISTA BRASILEIRA

(BRAZILA LIGO ESPERANTISTA)

**Balancete referente ao ano de 1943**

| | Cr$ | Cr$ |
|---|---|---|
| Saldo de 1942 | 80,23 | |
| Quotas de sócios | 4.040,30 | |
| Subvenções recebidas do Ministério da Educação | 6.000,00 | |
| Venda de livros e cartões-postais | 499,90 | |
| Cursos por correspondência e atestados de estudo | 65,00 | |
| Venda de uma máquina de escrever usada | 450,00 | |
| Traduções feitas pelo Presidente da Liga | 520,00 | |
| Donativo | 76,20 | |
| Impressão de "O Brasil Esperantista" | | 4.511,80 |
| Pagamento de quotas à "Internacia Esperanto-Ligo" | | 2.096,30 |
| Aquisição e encadernação de livros | | 262,00 |
| Assinatura de revista | | 14,00 |
| Material de Expediente | | 1.115,00 |
| Aquisição de uma máquina de escrever | | 1.350,00 |
| Despezas de conservação e asseio | | 297,00 |
| Gratificações por serviços prestados | | 1.060,00 |
| Selos, estampilhas, telegramas e despezas miúdas | | 718,33 |
| Adesão a Congressos | | 52,00 |
| Indenizações | | 136,00 |
| Consêrto de máquina | | 80,00 |
| Percentagem ao cobrador | | 12,00 |
| Saldo para 1944 | | 27,20 |
| Total | 11.731,63 | 11.731,63 |

Rio-de-Janeiro, 12 de Janeiro de 1944

**Odilo Pinto**, Tesoureiro. Visto — **Alberto Couto Fernandes**, Presidente

### NA INFÂNCIA DO ESPERANTO NO BRASIL

(Cópia da carta endereçada pelo Dezembargador Jacome Baggi de Araújo, o mais antigo esperantista brasileiro, ao seu amigo Dr. Leopoldo Teixeira Leite em 15 de novembro de 1897).

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Que tal lhe parece a língua ?

Para aprendê-la é verdadeira água do pote; chama-se Esperanto, e foi inventada pelo Dr. Zamenhof, médico russo, há uns dez anos. Propõe-se a língua internacional. Está muito espalhada já na Rússia, Suécia, Alemanha, Bélgica, Portugal e vai ganhando terreno na França, nos Estados Unidos, República Argentina, etc.,

Ignorava-lhe até o nome, quando há mezes lí, um artigo na **Revue des Revues** e mandei buscar em França o necessário para aprendê-la. Mandaram-me apenas um microscópico Manual com que no mesmo dia fiquei habilitado a traduzir duas cartas que o mesmo encerra, e que foram enviadas ao Sr. L. Beaufront, em França, para por essa prova poder incluir-me no número dos Esperantistas. Já mandei buscar mais uns outros folhetos, que me habilitarão completamente na matéria.

a) **Baggi de Araújo**

## O Esperanto na Argentina

Do "Argentina Esperantisto", número de out.-dez., extraímos as seguintes notícias: A atual diretoria da Associação Esperantista de Buenos Aires está assim constituída: Prez. — Vicente Albamente, vicprez. — Pascual Bosso, sekr. — Egidio H. Luraschi, vicsekr. — Adelina Piccione, kas. — Antônio Maynon kaj vickas. — Juan Sabaté. Mensalmente realiza-se em Buenos Aires um chá de propaganda, denominado "Tarde Refrescadora", com representações, declamações, concursos e jogos. Diversos cursos de Esperanto foram abertos na sede da Associação, além de cursos por correspondência mantidos pela Liga Esperantista Argentina. Em sua primeira página pública o "Argentina Esperantisto", sob o título "Una entrevista que cobra actualidade", um trecho da entrevista com o Dr. José Carlos Muniz, delegado do govêrno do Brasil no 22.º Congresso Universal de Esperanto. Como suplemento do "Argentina Esperantisto" recebemos uma fôlha-volante de propaganda.

A "Associação Esperantista Católica" fez celebrar no dia 26 de dezembro último uma missa com sermão e cantos em Esperanto.

Recebemos dois números de "Apolo", órgão da **Peña "Esperanto" de Arte y Cultura**, com sede à Calle El Rastreador 679 (Liniers). Buenos Aires. Eles contém artigos sôbre o Esperanto, programas dos concêrtos realizados no **Salón de Actos del Club** "Honor y Patria", e muitas ilustrações.

# BRAZILA KRONIKO

PARÁ. — *Belém*. S-ro Francisco Falcão revenis el Rio de Janeiro kaj fariĝis loka Delegito.

RIO GRANDE DO NORTE. — *Natal*. Funkcias kurso de Esperanto direktata de S-ro Prof. Jerônimo dos Santos, prezidanto de "Esperanta Asocio de Rio Grande do Norte". "O Diário" publikigis artikolojn de S-ro Arlindo Castor de Lima, unua sek. de tiu Asocio, kaj "A República" notojn pri la Esperanto-movado. La Asocio jam pagis la nunjaran kotizon de sep anoj.

*Mossoró*. S-ro Targino Soares, nia fervora delegito en tiu urbo, skribis al ni, ke la sciigo pri la ekpropagando por la 10a Brazila Kongreso de Esperanto vekis la dormantan entuziasmon por Esperanto. Tial li intencas reaperigi la mortintan "Mossoró Esperanta Klubo", kiu antaŭ longe vigle laboris por nia afero.

PERNAMBUCO. — *Recife*. Ni ricevis la du lastajn numerojn de "Pernambuco Esperantista", kiuj enhavas, inter aliaj, artikolon de S-ro Ismael Braga pri "La Tago de Zamenhof", rakonton de S-ro Moacir S. Cunha titolitan "Unu legendo de la brazilaj indiĝenoj", riĉan fakon sub la titolo "O que é o mundo esperantista", informojn pri la 10a Brazila Kongreso de Esperanto kaj literaturaĵojn.

BAHIA. — *Salvador*. "Esperanta Grupo de Bahia" ne ĉesas labori por nia kara Esperanto. Ĝi ĵus eldonis tri interesajn poŝtkartojn por ĝin propagandi. Vizitis nian sidejon S-ro Vitor Miniero, kiu baldaŭ translokiĝos al Vitória, ĉefurbo de Ŝtato Espírito Santo. La ĵurnalo "Diário da Bahia" transskribis la artikolon "O Esperanto e o inglês" aperintan en nia bulteno.

ESPÍRITO SANTO. — *Vitória*. Pere de la loka ĵurnalo "A Gazeta", kiu publikigis diversajn notojn pri la Esperanto-movado, ni eksciis, ke, laŭ propono de S-ro José Paulino Alves, membro de la Ŝtata Literatura Akademio, tiu ĉi decidis krei specialan organon por propagandi la helplingvon Esperanto, kiu ricevos la nomon "Centro Espírito-Santense de Esperanto". S-ro Colares Júnior proponis, ke S-ro José Paulino estu aklamita prezidanto de l' Centro. Post la aprobo de tiu propono la prezidanto de la Akademio, kiu estas nia malnova samideano D-ro Araújo Primo, komisiis S-ron José Paulino por projekti la regularon de la Centro. S-ro José Paulino aliĝis al niaj Ligoj ĉe la komenco de l' nuna jaro.

La loka ĵurnalo "A Tribuna" publikigis longan kaj interesan artikolon, kiun verkis D-ro Eugênio de Assís.

ŜTATO RIO DE JANEIRO. — *Barra Mansa*. Fariĝis delegito de IEL nia ligano S-ro Abddego Augusto.

SÃO Paulo. — *São Paulo*. La gravaj gazetoj "O Estado de S. Paulo", Correio Paulistano", "A Tribuna", kaj "A Gazeta" publikigis notojn pri la 10a Brazila Kongreso de Esperanto. S-ro Osvaldo Leite de Morais skribis poresperantan leteron al S-ro Rolim de Moura responde al artikolo, kiun li publikigis en "Correio Paulistano" sub la titolo "Universaligo de la vokaloj". Fariĝis FD por instruado S-ino Jandyra Loureiro Rodrigues Monteiro kaj por kalkulado S-ro Newton Ceratti.

Pagis sian nunjaran kotizon ses anoj de "Esperanta Klubo de São Paulo".

*Santos*. Memorigante la 85an naskiĝan datrevenon de D-ro Zamenhof la Centro de Mensa Disradiado "Paulino Penin de Campos" efektivigis honorigan kunsidon, dum kiu S-ro Nilo P. Silva, membro de Grupo Esperantista "F. V. Lorenz", faris paroladon pri "Zamenhof, la Apostolo de la Universala Frateco". Tiu ĉi grupo jam pagis la nunjaran kotizon de naŭ anoj. Je la 2a de februaro rekomenciĝis la kurso de Esperanto, kiu funkcias ĉiumerkrede je la 20a horo.

SANTA CATARINA. — *Florianópolis*. — Je la 30a de decembro lasta okazis ĝenerala kunsido de "Esperanta Klubo de Florianópolis", dum kiu oni elektis novan estraron, kiu konsistas el la jenaj anoj : S-ro Antonio de Pádua Pereira — prezidanto, s-ro Eugênio Doin Vieira — sekretario, s-ro João Teixeira da Rosa Júnior — kasisto kaj s-ro Giovanni P. Faraco — kunordiganto, kiuj aliĝis al niaj Ligoj. Ankaŭ aliĝis Fratulo Bertino Goerner, direktoro de la Gimnazio S. José, el Pôrto União, en kies loka gazeto "O Comércio" li publikigis interesan artikolon por Esperanto.

Tiu Klubo multe laboris dum la lasta jaro. Funkciis kurso por komencantoj, el kiuj 14 estis aprobitaj en ekzameno farita la 15an de Marto. Funkciis ankaŭ perfektiĝa kurso kaj la 9an de januaro lasta komenciĝis kurso per korespondado, en kiun enskribiĝis personoj en Florianópolis, Araranguá kaj São Francisco Sul. Dum la lasta jaro la Klubo dissendis al interesataj personoj kaj organizaĵoj ĉirkaŭ cent cirkulerojn pri sia fondo. La Ŝtata Oficiala Ĵurnalo transskribis la artikolon verkitan de D-ro Mário Teixeira de Freitas kaj aperintan en nia lasta numero.

Fariĝis Vicdelegito kaj Fakdelegito por studenta kooperativismo kaj spiritismo S-ro Eúgênio Doin Vieira kaj Fakdelegito por religiulaj kaj katolikaj aferoj Fratulo Bertino Goerner C. F. P.

RIO GRANDE DO SUL. — *Pôrto Alegre*. Fariĝis loka Delegito de IEL S-ro Ary Zamora.

*Vila S. Sebastião*. La loka "Esperanto-Rondeto" pagis la nunjaran kotizon de kvin anoj.

MINAS GERAIS. — *Belo Horizonte*. Ĉe la sidejo de Grupo Esp. "Humberto de Campos" okazas ĉiudimanĉe kunveno por kunlernado kaj praktiko de Esperanto, ĉiusabate elementa kurso kaj ĉiulunde kursoj por knaboj. Dum la monato februaro estis reelektita la antaŭa estraro de la Grupo. Dek grupanoj, el kiuj tri novaj, pagis la nunjaran kotizon al niaj Ligoj. La Grupo eldonis flugfolion kun la tuta dekreto de la urbestro de Laranjeiras, Ŝtato Paraíba, kiu donis al la loka biblioteko la nomon Doktoro Zamenhof.

*Juiz de Fora*. — La loka ĵurnalo "Diário Mercantil" publikigis noton pri la 10a Brazila Kongreso.

RIO DE JANEIRO. —

Ĉe la sidejo de Brazila Ligo Esperantista faris superan ekzamenon de Esperanto kaj ricevis la diplomon de *profesoro aprobita* S-ro Diderot Freitas kaj Délio Pereira de Souza. Prezidis la ekzamenon S-ro A. Couto Fernandes, prez. de BLE, kaj funkciis kiel ekzamenantoj S-roj A. Caetano Coutinho kaj D-ro Carlos Domingues.

Ĉe la sama loko faris elementan ekzamenon kaj akiris la *ateston pri lernado* F-inoj Maria do Amaral Malheiro, Rosa do Amaral Malheiro, Iracema Alvares Coelho kaj Rosa Cruz Ferreira, distinge aprobitaj; S-roj Alencar Bourguignon Beiriz kaj Felisberto Antônio Fernandes Leal kaj F-inoj Arlette Menezes, Irene Nogueira kaj Lais Perez, plene aprobitaj. Prezid's la ekzamenon S-ro A. Caetano Coutinho, prez. de Brazila Klubo "Esperanto", kaj funkciis kiel ekzamenantoj S-roj A. Couto Fernandes kaj Carlos Domingues.

Brazila Klubo "Esperanto" inaŭguris dum la monato marto du novajn kursojn, kiujn direktos S-ro A. Couto Fernandes kaj F-ino Maria do Amaral Malheiro. Enskribiĝis en la du kursojn 65 personoj. Tio ĉi estas evidenta

pruvo ke kreskas ĉiutage la intereso por Esperanto.

La "Associação Esperantista do Meyer", kies klopodoj por Esperanto estas vere entuziasmigaj, aliĝis al niaj Ligoj dum la kuranta jaro 38 geanojn, el kiuj 1 kiel MA kaj 7 kiel MJ. Kun la celo pliintensigi la propagandon de Esperanto ĝi kreis du komitatojn, nome: Komitaton por Gazetaro kaj Propagando, konsistantan el S-roj: Octaviano da Silva Lopes, direktoro, José Barroso Junqueira, Adalberto Fernandes da Silva, Salomão Selter, Cecílio Alves de Oliveira kaj Benedito Neves; Komitaton por Ekskursoj kaj Festoj, konsistantan el S-inoj Carolina Vaz kaj Arlette Costa de Souza kaj S-roj Haroldo Leite Pinto, direktoro, Celso Alves Rosa, Aylton de Lima Rocha kaj Antônio Alípio Reis.

Estas nomitaj sek. S-ro José Gomes Braga, helpkas. S-ro Haroldo Leite Pinto kaj biblio. S-ro Raul de Almeida. Fariĝis Vicdelegito de IEL S-ro Nelson Pereira de Souza.

La Asocio inaŭguris en sia sidejo du novajn kursojn, unu, elementan, kiu funkcias marde kaj ĵaŭde, kaj alian, superan, kiu funkcias, sub la gvidado de S-ro A. Caetano Coutinho, ĉiumerkrede. S-ro Délio Pereira de Souza, prez. de la Asocio, malfermis kurson ĉe la sidejo de la "Associação Recreativa dos Funcionários do Banco Hipotecário e Agrícola do Estado de Minas Gerais". La Monata Bulteno de tiu Asocio publikigis poezion titolitan "Esperanto", verkitan de S-ro Lindolfo Álvares Barroso.

La Asocio jam efektivigis dum la kuranta jaro du ekskursojn, unu el kiuj sur pinto de l' fama monto Corcovado (legu: Kôrkôvado), sur kiu staras la grandioza monumento al Kristo Savinto.

"Reformador" publikigis notojn pri Esperanto kaj artikolojn de S-ro Ismael G. Braga. "Vida Doméstica" publikigis poresperantan artikolon kaj humorisman rakonton de S-ro José Barroso Junqueira, kaj "Revista de Educação contra Incêndios" kopion de letero sendita de S-ro Diderot Freitas al BLE.

S-ro Sílvio do Vale Amaral, bonfarinta ano de BLE, sciigis ties prezidanton, ke li, kiel profesoro de Bibliografio kaj Aludo de la Kurso de Biblioteknomio de la Administracia Departemento de la Publika Servo, havis la plezuron esti la unua enmeti en la programon de la Katedro, kiun li instruis, la studon pri la esperantaj vortaroj. Li aldonis al sia letero kopion de la citita programo. Al nia klera samideano niajn korajn gratulojn kaj dankojn.

Vizitis la sidejon por prezenti siajn adiaŭojn S-roj Francisco Falcão, kiu foriris al Belém, Stato Pará; kaj Victor Miniero, al Salvador, Stato Bahia.

Mortis S-ro Adolfo Pássaro, ano de "Associação Esperantista do Meyer" kaj de niaj Ligoj.

---



---



### *DELEGITOJ DE INTERNACIA ESPERANTO-LIGO (IEL)*

*Povas fariĝi Delegito, Vic-Delegito aŭ Fak-Delegito de IEL ĉiu membro MJ, MA aŭ MS, kiu por tiu honora ofico pagos nenian plian kotizon. Ĉiu Delegito devas varbi membrojn por IEL kaj fari propagandon de Esperanto en sia loko. La Vic-Delegito anstataŭos la Delegiton, kiam tio estas necesa. La Fak-Delegito funkcias precipe pro sia sperto en sia fako. La Delegito ricevas Delegitan Karton, reklam-ŝildeton kaj la Oficialan Bultenon, kiu aperas laŭnecese. Lia nomo estas presata en la Jarlibro de la Ligo.*

*Kiu deziros akcepti la oficon de delegito, bonvolu peti formulon al Brazila Ligo Esperantista.*

---

## Grupoj Aliĝintaj al B. L. E.

BRAZILA KLUBO "ESPERANTO". (1906). Sidejo: *Praça da República,* 54. *Rio de Janeiro.* Tel: 42-4357.

CENTRO ESPERANTISTA DE SANTOS. (1932). Sidejo. *Rua Bahia,* 57. *Santos, Est. São Paulo.*

ESPERANTA GRUPO DE BAHIA. (1936). Sidejo: *Rua Bangala,* 18. *Salvador. Bahia.*

S. PAŬLO ESPERANTA KLUBO. (1937). Sidejo. *Rua Alabastro,* 462. *São Paulo.*

PERNAMBUKA ESPERANTO-ASOCIO. (1937). Sidejo: *Rua Gomes Coutinho,* 318. *Recife. Pernambuco.*

ESPERANTA ASOCIO DE RIO-GRANDE-DO-NORTE. (1940). Sidejo: *Rua Vigário Bartolomeu, n.º* 587. *Natal. Rio Grande do Norte.*

GRUPO ESPERANTISTA DE LIMOEIRO. (1940). Adreso: *Caixa postal,* 73. *Limoeiro. Ceará.*

GRUPO ESPERANTISTA "HUMBERTO DE CAMPOS". (1940). Sidejo: *Rua da Bahia,* 1.053. *Belo Horizonte. Minas Gerais.*

ESPERANTO-RONDETO DE S. SEBASTIÃO. (1941). Sidejo: *Vila S. Sebastião. D. Pedrito. Rio-Grande-do Sul.*

GRUPO ESPERANTISTA "FRANCISCO VALDOMIRO LORENZ". (1940). Caixa postal, 777. *Rua Henrique Porchat,* 4. *Santos. E. de São Paulo.*

ASSOCIAÇÃO ESPERANTISTA DO MEYER. (1942). *Rua Arquias Cordeiro,* 295-*sob. Meyer. Poŝtkesto* 3677. *Rio-de-Janeiro.* Tel. 29-4581.

ESPERANTISTA KLUBO DE FLORIANÓPOLIS. (1943). Departamento Estadual de Estatística. *Florianópolis. Santa Catarina.*

**Presejo: Irmãos Pongetti.**